AE124

# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**auto 2/08/2013 Cent dudek kvara eldono 02/08/2013 SENDITA (unua eldono 26/09/2011)**

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;**

**Redaktisto Roger Springer** **Provlegita de Nicole Else**

**SENDATA AL 257 RETADRESOJ**

La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisdatigatan informon **ABC nova**

Estas via Esperanto-familio. Informu, Fotoj bonvenaj.

## Aŭskultu Retradion en Esperanto ĉiun tagon

### Informaj rakontetoj, Bona lingvo 5 minuta lertiga sperto

http://esperantareradio.blogspot.co.at/ 30 Julio 2013 Post la kongreso



Post unu semajno nun finiĝis kongreso en Rejkjaviko, Islando kiu nomiĝas ankoraŭ "Universala Kongreso de Esperanto". Tio estas sufiĉe pompa titolo por aranĝo kiu nek laŭ la nombro da partoprenantoj, nek laŭ la enhavo de la diskutoj kaj aliaj laborkunvenoj meritas tiun titolon. Ĝi estas pura tradiciaĵo kiu konstante perdis signifon. La pompo kiun oni tie celebras estas anakronismo kaj la ĉefa intenco de la kongreso, nome la efiko al la ekstera mondo, tendencas al nulo.

Sed ĉar mankas alternativoj resp. ne eblas trovi interkonsenton pri alternativaj aranĝoj kiuj pli bone korespondus al la bezonoj de la hodiaŭa tempo, oni daŭrigas la tradicion kaj esperas celebri la 100-an UK-on post tri jaroj. Sed la financa kaj homa bazo por la kongreso ŝrumpas. Malpli da kongresanoj ja enspezigas al la organizantoj malpli da mono, des pli se retaj entreprenoj forprenas ekzemple enspezojn por la perado de hotelĉambroj por la kongresanoj.

En Rejkjaviko UEA elektis novan estraron. Nova prezidanto fariĝis Mark Fettes el Kanado. Lia elektiĝo okazis unuanime. Oni esperas ke li rejunigos la asocion kaj adaptos ĝin pli al la hodiaŭa tempo. Li fakte jam anoncis la renovigon de la retejo de UEA kaj ricevis permeson de la komitato elspezi tiucele 100 mil eŭrojn. Tio jam vekis ardajn diskutojn en "Libera Folio" kaj oni kritikas je ne jam ekzistas detala plano por la realigado de tiu laboro. Sed ne jam eblas diri kiom da mono estos bezonata por kion fari. La 100 mil eŭroj estas bela kadra sumo, ne pli. Ĉu la mono estos elspezata laŭsence, tio montriĝos nur post prezento de detala plano.

Sed tio ne vere ĉagrenigas min. Kio vere kaŭzas al mi malbonhumoron estas la manko de ĉia ideo kiel disvastigi Esperanton. Ĉu oni vere kredas ke la umado pri "Lingvaj rajtoj" iel antaŭenpuŝos nian aferon? Esperanto tiel fariĝas pli kaj pli fona afero sed tio ne helpos al kreskado de la lingvo. Kreskado tamen nur eblas per kvalita agado. Cent mil subtenantoj aŭ kvindek mil balbutantoj ne taŭgas por progresigi Esperanton. Ni bezonas homojn kiuj estas kapablaj verki kaj paroli en Esperanto por montri al la mondo ke la lingvo ne nur teorie povas funkcii, sed ke ĝi vivas kaj funkcias kiel kleriga lingvo kaj kiel socia ligilo por homoj en la tuta mondo.

Pere de la interreto eblas porti la lingvon al lokoj kaj homoj kiuj antaŭe ne estis atingeblaj. Kaj engaĝitaj kapablaj homoj povas per malmulte da financaj rimedoj progresigi nian aferon pli ol tion kapablas dinosaŭraj organizoj. Ĉu mi povas esperi ke finfine tiu pensmaniero pli kaj pli trovos la vojon en la cerbojn de esperantistoj? Kiel optimisto mi pensas ke post iom da tempo tio okazos. Do ni ne perdu la paciencon!

(Malgranda eltiro el la bona reta parolata programo) Ctrl+klaku la bluajn lokojn kaj aŭskultu

# Ĉu vi konsentas? Skribu viajn ideojn/pensojn al AE

MI ERARIS



Mi rimarkis erarojn en mia artikolo en AE 122. Mi devus esti pli zorgema.

1. Ĉiam dankon pro la daŭra laboro –(anstataŭ daŭran laboron)
2. Se vi povos fari tion aŭ parton (anstataŭ parto) de tio.

En la sama AE Marcel faris kelkajn punktojn pri la gramatiko inter ili la sekvontan: "ricevi la libron el de (= el apartenanta al) mia frato (kontraŭa al "de mia frato = kiu verkis ĝin").
Ĉu oni povas simple eviti la dusencecon per "ricevi de lia frato la libron" anstataŭ "ricevi la libron de lia frato" ?
Pri la uzo de "ante" kaj "ate de", mi esploris foje por provi kompreni tiujn. Tiu "ate de" estas la pli simpla por mi ĉar mi anstataŭigas ĝin per "farate de" –ekz. "la serĉado farate de la policano". Tiu havas pli precizan signifon ol "la serĉado de la policano". Antaŭe iuj uzis "fare de" aŭ "far", kaj mi komprenas kial aliaj kontraŭas tiujn formojn kiel neĝustaĵojn. Do, ĉu "ate de" estas pli ĝusta formo, mi lasos al la gramatikistoj. Sed kiam mi legas "ate de", mia menso deziras meti ion antaŭ __ate por kompreni la frazon.
Same pri "ante". Sed ofte mia menso ne povas trovi tian "prefikson". Ekz.

| | |
|---|---|
| Ŝi evitis riveladon ante la frukton de sia spionado. | Tion mi iam legis. |
| Ŝi evitis riveladon de la frukto de sia spionado. | Ĉu duobla 'de' estas nelerta? |
| Ŝi evitis riveladon pri la frukto de sia spionado. | mia prefero |

Do se mi tiom konfuziĝas legante aŭ skribante la frazojn kun "ante", certe mi pli konfuziĝus aŭskultante tiujn.
Jen miaj pensoj, kiuj ne celas nek subteni nek kontraŭi la uzon de tiuj vortoj sed provi kompreni tiujn formojn.

Kaj ne forgesu : SRIBU ION PRI VIA AGADO, KLUBO, ŜTATA ORGANIZO, NACIA AGADO en AŬSTRALIO 2005-2013 KAJ SENDU AL MI, MI PETAS.
Terry Manley teren2012@gmail.com

**Skribi estas grave. Pli grave ol lingva perfekteco. SKRIBU AL AE!**

## Jen 119 fotoj pri mia vojaĝo (Japanio + Eŭropo)



http://www.ipernity.com/doc/158659/album/467753

Kaj jen mia intervjuo kun Heidi Goes pri Esperanto en Indonezio (17 minuta). http://www.youtube.com/watch?v=1eAAPJ5W7aE

Amike, Nicole

---

Sendu informon al mi pri viaj kunvenoj kaj via Esperantista familio ĝojos.

---



## Esperanto-Domo Sidnejo

kunvenas la lastan dimanĉon de ĉiu monato 12tm

Aferkunveno antaŭe je 11atm. Poste amuzkunveno kun manĝetoj.

28a Julio: venis 15 homoj. El tiuj estis 4 lernantoj.

Bona kunveno.

---



## La Adelajda Esperanto-klubo.

Jen informo kaj fotoj pri la adelajdanoj.

Amike, Katja







Dimanĉe, la 28-an de julio, en la hejmo de la ge-Steeloj okazis kvizo. La 14 kunvenintoj devis respondi al 60 malfacilaj demandoj preparitaj de Trevor. Plej multajn poentojn atingis la duopo Rikardo kaj Cathy Taggart. Laŭdindas, ke la aranĝon partoprenis ankaŭ du neesperantistoj

---

# Ĉu Ĉuoj Ĉuis

Irante hejmen post la kunveno hodiaŭ, kaj la enkonduko donita de Nicole kaj pensinte pri la uzo de la mallongaj vortoj, mi demandis al ŝi ĉu ŝi iam vidis la eblan trouzon de 'ĉu'. En mia menso estis io sed nur alveninte hejmen, mi memoris.



En unu detektiv-libro de Johan Valano, iu diris pri la policisto: "Li ĉuis min tro multe". Sendube, estis multaj demandoj pri iu krim-afero.

Forgesinte la ekzaktan uzon, mi proponis al Nicole eblan diskuton inter patrino kaj infano kiu devas prepari por la lernejo: "Patrino: ĉu vi brosis la dentojn, ĉu vi havas la studlibron, ĉu vi havas la busbileton ...."

Knabo: Ho ve, kiom da ĉuoj!"

Mi pensas ke en la librostoko en E-domo estas libro pri komputeroj, sed pro la movo de la libroj, mi ne scias kie mi devas serĉi. Se ja ESTIS tia libro, eble ĝi estas menciita en la UEA Librokatalogo. Mi serĉos.



Margaret




# Helpu diskonigi lernu!

Kara lernu!-uzanto,

Dankon pro via partopreno en lernu!-komunumo! Kun preskaŭ **150 mil registritaj uzantoj,** Lernu.net estas la plej granda Esperanto-retejo en la mondo, kaj kun via helpo, lernu! povas esti eĉ pli granda, forta kaj konata! Estas pluraj manieroj kunlabori –- jen kelkaj ebloj!

1) **Reklami Lernu.net kaj Esperanton!** Diskonigu per sociaj retejoj (Facebook, Google+ ktp.). Lernu.net nun havas kanalon ĉe YouTube, kie estas versioj de reklamvideo kiu gajnis konkurson ĉe lernu! en 2011. Ni invitas ankaŭ vin proponi viajn videojn pri Esperanto aŭ pri lernu! en nia kanalo! Nia kanalo troviĝas ĉe



http://www.youtube.com/channel/UCErTOQ64FUpTke7LDJfvawQ . Por proponi vian videon, nur kontaktu nin ĉe teamo@lernu.net.



2) **Fariĝi tradukanto aŭ lingvohelpanto** por lernu! Kiel vi certe scias, Lernu.net baldaŭ lanĉos la novan, plibonigitan paĝaron. Se vi ankoraŭ ne estas en la volontula teamo de Lernu.net, ni elkore invitas vin fariĝi lernu!-volontulo. Vi povas labori tiom multe (aŭ tiom malmulte), kiom vi povas! Kontaktu teamo@lernu.net kun eventualaj demandoj, aŭ vizitu ĉi tiun paĝon por fariĝi tradukanto:
http://lernu.net/pri_lernu/kunlaborantoj/tradukantoj.php



3) **Finance subteni Lernu.net**. Vi povas fari unufojan al Lernu.net (http://eo.lernu.net/pri_lernu/subteno/donaco.php) aŭ starigi monatajn donacojn al ESF – la fondaĵo, kiu ebligis la kreon kaj kiu jam pli ol 10 jarojn subtenas Lernu.net (http://esperantic.org/eo/donacoj/rete).



Amike kaj dankeme,
la teamo de lernu! kaj ESF
teamo@lernu.net

## komputado-esprimoj.



Mi tre dankas kaj al Nicole kaj al Volo pro iliaj respondoj rilate al mia enketo pri komputado-esprimoj.
Kvankam verŝajne jam ekzistas bonaj libroj tiurilate, mi ja opinias, ke la plimulto el ni bezonas simplan leksikoneton, tian kia estas la lastatempa "Ŝlosilo" de Roger, enhavanta la Esperanto-tradukon por ofte uzataj vortoj kiaj computer, password, modem, download, network, netgear, wireless, cable, broadband, laptop, ipad, iphone, itune, android, router, bluetooth, blueray, hardware, software, apps, e-readers, kindle, bytes, mouse, keyboard, k.t.p., sen uzi neologismojn. Mi ja kuraĝigas la okazigon de kurso tiucele, ĉe la venonta Somerkursaro. Aŭ, povas esti, ke iu klubo antaŭe prenos al si la defion kaj laboros je tia vortareto. Vera Payne.

## Bona Volo Re: Australiaj Esperantistoj 123



Kara kaj estimata S-ano Roger Springer
Kia bela kaj agrabla surprizo!!
Nome de la direktoro-prezidanto de Legio de Bona Bona Volo (LBV), José de Paiva Netto, kaj de la teamo de Esperanto-Fako de LBV mi tutkore dankas Vin pro la disvastigo de la 2 informoj, kiujn ni

sendis al Vi. Mi jam transdonis vian buntan kaj riĉenhavan novaĵleteron al s-ro Paiva Netto.
Atende, kun la plej bondeziroj,el la centra sidejo de
Legio de Bona Volo en San-Paŭlo, Brazilo, fratamike Vin salutas,
S-ino Maria Aparecida da Silva






Ambaŭ estas propagandiloj

Kiam oni demandas pri Esperanto, vi nun havas taŭgan respondon.

.

.

Mi faris algluajn etikedojn por la Manlia loko. Mia kuracista atendejo havas kelkajn por interesuloj ĉe sia atendejo. La kuracisto aprobas la libreton. Roger S.

## Jen la dua parto de radio temo 3ZZZ Retradio Melburno

. Alan, Jenni, Laslo, Franciska, Svetislav





Jen la daŭrigo Komenco por organizi Esperanto-radio-programon ( Dua parto)

Mi ankoraŭ ne havas sufiĉe da memoroj por esti certa ke mi kolektis postulatan nombron da personoj. Tamen mi havas kuraĝon. La membrokotizo estas $15 por persono laboranta, kaj por pensiuloj $10 por jaro, nun mi kolektis monon, kaj registris la nomojn, adresojn, telefonajn numerojn,--- kaj la nombro da personoj kreskadis, pasis pluraj monatoj. Fine mi kolektis 27 nomojn

kaj membrokotizojn. Nun necesis elekti provizoran komitaton,mi elektis jenajn personojn: Svetislav Kanaĉki,. Ĝerald Tumman, Ruth Tumman, Nik Nikolas,Errol, Ĉihick,Harrold, Beechy ,Jan Monkowski ,Margaret Young ,Valeri Fotherngham.

Nun estis tempo por organizi delegitojn por viziti provizoran komitaton de estonta radio-stacio. Jen la nomoj :Svetislav Kanaĉki, Errol Chiick, Harrol Bichy, Ĝerald Tumman, Ruth Tumman. Ĝis nun mi konis neniun personon de tiu organizo, nek la nomon de la organizo. Mi telefonis al la numero, donita je la anonco de la organizo. Je la alia fino de la linio, aŭdiĝis la sama voĉo kiel dum la unua telefonvoko. Mi prezentis min kaj klarigis ke ni trastudis la kondiĉojn kaj konsentis. Nun mi petis kiam mi povos veni kaj registri kiel membroj de organizo. La tago rezervita estis la 15an de Januaro 1989 .La nomo de persono estis :Ibraĥam Timoĉy, kun kiu ni renkontiĝis intertempe.
Mi daŭre klopodis konvinki pri la oportuneco provi akiri tiun ŝancon.

TAGO POR LA UNUA KONTAKTO

La 15an de Januaro1989 la delegitoj grupiĝis. Mi montris preparitan liston : 27 membroj pagitaj kaj la mono de membreco. La listo de provizoraj komitatanoj kaj de delegitoj. Kaj konsento de la nomo-propono kiel ni registris.ESPERANTO KAJ AMIKOJ DE ESPERANTO EN RADIO (EAER).
Mi telefonis por certiĝi pri la kunveno kaj adreso, la respondo donita, Argyle St,No 4-6 Fitzroy malgranda strato, estas malnova konstruaĵo kie estis ia industrio.Je unua etaĝo je horo 10:30. Ni eniris, trovis personon kun kiu mi komunikis, li estis sola en la ĉambro, ni prezentis nin laŭ nome kiel delegitoj. Li prezentis sin laŭ nome IBRAHAM TIMUCT, KASISTO. Ni parolis kaj mi donis liston da membroj kaj la monon postulatan. Li kontrolis, skribis ion kaj demandis je kiu nomo li



registru, mi donis la liston kun la preferata nomo. Li haltis kaj diris ke ne eblis,kaj diris ke tio estas Etna-komunuma radio, kaj proponis ke ni prenu nomon de iu nacio. Ni respondis, ke ni estas etnanoj sed ni uzas lingvon internacian > ESPERANTO < Je tio ni respondis, se ni ne povas havi tion ni ne akceptos alian nacian nomon.Ibraham iom pripensis kaj diris permesu al mi,ke mi prezentu proponon al la komitato, kaj mi kontaktos vin.Je tio ni reiris kaj atendis respondon,post unu semajno mi retelefonis demandante kio okazis, respondo : ankoraŭ ne okazis kunveno,sed estu trankvila. Plurfoje mi telefonis, la respondo estis la sama. Post du monatoj mi iris persone paroli ne anoncite, Mi trovis Ibrahamon en oficejo,li surpriziĝis je demando ĉu vi parolis kun iu pri tio. Li rigardis min kaj mane montris venu kun mi, ni eniris oficejon de Direktoro, I,B prezentis min kaj la direktoro respondis nenion, elirante la ĉambron Ibraham diris al mi,tiu direktoro estas ĉitie nur provizore. Mi daŭrigos pri situacio sekvan semajnon.



Svetislav Kanaĉki stevskank@hotmail.com

# PRI IES MALĜOJAJ SENTOJ.

En A.E. n.ro 108 troviĝas sur paĝoj kvin kaj ses artikoleto montranta nesufiĉan konon de la spirito de Esperanto. (Naturo lin tamen benu per longa kaj sana vivo!). La artikoleto plenplenas de malveraĵoj, pluraj facile videblaj. Ĉar

kelkaj el tiuj malveroj aspektas kiel mensogoj (pri la cirkonstancoj de mia iama eksiĝo el S.A.T.) kaj la resto de la malveroj kaŭzatas de manko de kompreno ante la lingvan strukturon de Esperanto, estus perdo de ĉies tempo refute la neĝustaĵojn ĉi tie. Se iuj Esperantistoj VOLAS kredi la insidojn, mi lasas al ili tiun ĝuon. Cetere la lingvismaj klarigoj ante al la de mi kelkfoje uzataj nekutimaj esprimoj legeblas en mia libro "Lingvaj Resondoj", havebla ĉe U.E.A. kaj ĉe Melburna Esperanto-Societo. Ĉar "ate de" kaj "ante al" estas laŭregule formitaj Esperanto-vortoj, mi defies ĉiun klarigi, kion tiuj ankoraŭ nekutimaj esprimoj ekzakte signifas. Mi aldonas, ke antaŭ dudek jaroj mi komencis uzi la veran pasivan verbformon ("la afero jam klarigatis", ktp), kaj ke nuntempe jam pluraj ĉiulandaj Esperantistoj imitis min kaj uzadas ĝin. La samo okazas pri "-ujo" anstataŭ la gramatike neebla "io" por landoj. Ankaŭ pri tioj vidu mian gramatiklibron!



Marcel Leereveld.

Mi ne povas kopii la broŝuron por meti en AEon.
Do malfermu la ligon ĉe la supro de la retmesaĝo

Somera Lernejo kaj Kongreso
Kanbero 3-12 de Januaro 2014

## Vortoj de "Lernu"

KONSUMI
1. Detrui iom post iom la substancon de io ĝis plena neniiĝo:
La fajro tute konsumis nian domon.
Multe da tempo kaj energio estas vane konsumitaj per miaj studoj.
La urbanoj intencis forkonsumi grandan parton de mono por tiu projekto.
2. Iom post iom detrui ion, prenante ĝian substancon por sinnutrado aŭ por persona uzado:
Hieraŭ pro malapero de elektro ni konsumis multajn kandelojn.
Mi jam konsumis panon, do necesas iri al la butiko.
Mia aŭto estas tre neekonomia pro tro granda konsumo de benzino.
La konsumado de alkoholaj trinkaĵoj ne devus superi 2 glasojn da vino ĉiutage.
La plej granda konsumanto de dolĉaĵoj estas Germanio.
3. Pereigi iun iom post iom per malrapida kaj konstanta senfortigado:
Miaj fortoj estis konsumitaj post tia malfacila laboro.
La konsumiteco de la infano maltrankviligis lian patrinon.
Li konsumiĝis kaj fine mortis.
Ĉu la sukero ankoraŭ ne konsumiĝis ĉe ni?
Tiam mi konsumiĝis de malsano.